# BOLETIN

DE LA FEDERACION ESPERANTISTA ESPAÑOLA

AÑO VI N.° 12 (72) DICIEMBRE, 1954

## UNA VIDA EJEMPLAR

Pocas figuras históricas aparecen tan puras y nobles como la del Doctor Zamenhof. Y pocos idearios pueden ostentar, como el esperantismo, una ejecutoria tan digna de encomio y consideración.

Al cumplirse, el 15 de Diciembre de 1954, el 95° aniversario del nacimiento del gran filántropo, que, por medio del Esperanto, se propuso mejorar las condiciones de la humanidad, los esperantistas españoles, como nacidos en la tierra de Don Quijote, se encuentran en mejores condiciones que otros para enjuiciar la magna empresa que, solo, sin escudero, emprendió el Quijote polaco, para desfacer los entuertos que causaron, y siguen causando, la incomprensión y sordomudez internacionales.

Nada tiene de extraño que grandes sectores del esperantismo hayan considerado al Maestro como una figura poco menos que mesiánica, y que, para muchos esperantistas, haya constituído un objeto de veneración. Su bondad ilimitada, su constante sacrificio por sus enfermos, especialmente por los pobres, y la supeditación de todos sus intereses particulares a la difusión y auge del Esperanto, son motivos más que suficientes para que, en esta época de concupiscencia, su figura aparezca nimbada por el mérito y merezca el holocausto de la gratitud y la admiración. El esperantismo, que es al propio tiempo doctrina idiomática y escuela moral, encontrará siempre, en la memoria de su fundador, el aliento que precisa para la persistencia en sus postulados; el ejemplo inmaculado de una vida, toda nobleza y sacrificio, ha de ser, para todo esperantista, el modelo digno de admiración y el emblema más idóneo para guiarnos en la ruta que nos trazó.

Dr. Rafael Herrero.

# LAŬTPAROLILO DE LA ESPERANTISTARO

Opinioj, sugestoj kaj kritikoj de la legantoj

## PRI LA SUPLEMENTO DE PLENA VORTARO

***Sekve de la publikigo de nia recenzo pri tiu Suplemento, ni ricevis plurajn leterojn, inter ili de kvin akademianoj, kiuj pli-malpli konsentas kun la opinioj de la recenzinto. Tamen inter tiuj leteroj alvenis unu, kies aŭtoro esprimas kontraŭajn opiniojn. Ĝin ni publikigas ĉisube.***

Pere de hispana amiko mi ĉijare ricevas ĉiun monaton BOLETIN, la revuon de la Hispana Esperanto-Federacio. Mi tre ĝojas pri tio, ĉar la revuo ne nur aspektas bela, sed ankaŭ enhavas ofte interesajn kaj legindajn artikolojn, kiujn mi iam kaj tiam pritraktas en nia esperantoklubo. En la oktobra numero tamen mi legis recenzon verkitan de Luis Hernández, kiu vere konsternis min. Ĝi koncernas la ĵus aperintan Suplementon de Plena Vortaro de Esperanto. Kion Hernández diras pri la nova, kvara eldono de la vortaro, mi povas plene substreki. Sed la kritiko pri la Suplemento ne estas ĝusta. Permesu al mi ke mi, kvankam nekompetenta pri lingvaj aferoj, faru kelkajn rimarkigojn. Laŭ mia opinio Hernández ne havas ĝustan koncepton pri la esenco de plena vortaro. Ankaŭ en ĉiuj naciaj lingvoj ekzistas plenaj, klarigaj vortaroj, dikegaj libroj, en kiuj ni povas trovi ĉiajn naciajn esprimojn, kiujn ni renkontas en nia legaĵo kaj kies signifon ni ne konas. Jen do la tasko de plena vortaro kaj ĝia nura tasko. Ĝi ne estas kompilita por devigi nin uzi ĉiujn rarajn esprimojn troviĝantajn en ĝi, sed ĝi estas nur helpilo kaj klarigilo, por ke ni povu kompreni la tekston de iu verko aŭ artikolo. La saman taskon plenumas la Plena Vortaro de SAT por la esperantistaro. Kaj se en la Suplemento troviĝas centoj da novaj vortoj, kulpas pri tio ne la kompilinto, profesoro Waringhien, sed «kulpas» la esperantaj verkistoj, la tempo kaj la evoluo, kaj tiujn neniu, eĉ ne Luis Hernández, povas haltigi. Tiu, kiu atente legas la nuntempan literaturon, ĉu sciencan, fakan aŭ beletran, plurfoje renkontas vortojn, kies klarigon li ne povas trovi en la unuaj tri eldonoj de Plena Vortaro. Ni do povas esti nur tre dankaj al profesoro Waringhien, ke li kolektis, ordigis kaj klarigis la novajn vortojn por ni. Sed tio, kion mi diris pri la naciaj vortaroj, validas ankaŭ por la supernacia. Neniel Plena Vortaro aŭ ĝia kompilinto devigas aŭ povas devigi nin uzi la novajn vortojn; en tio ĉiu estas tute libera.

Unu rimarkigon mi volas ankoraŭ aldoni. Ŝajnas al mi, ke Luis Hernández kaj lia maljuna filibustro Ernesto Guillem estas spritulOj, sed laŭ mi iliaj kritiko kaj ŝerco estas erarigaj kaj neniel konstruaj.

Vi tre ĝojigus min, se vi volus publikigi ĉi tiun leteron en BOLETIN, por ke la legantaro ekkonu alian vidpunkton koncerne la Suplementon de Plena Vortaro kaj povu juĝi pli objektive.

***A. Kooy-van Holst.***

---

## XVI-a HISPANA KONGRESO DE ESPERANTO

### 23 - 27 de Julio de 1955

### Adreso de la Organiza Komitato: Grupo Esperantista del Centro Asturiano Paseo de Begoña, 26-28, GIJON, Asturias

La organizantoj komencis vastan propagandan planon en la loka gazetaro. La programon ni ne povas ankoraŭ sciigi, ĉar ĝi dependas de multaj demarŝoj. Tamen ni jam povas informi, ke tre interesaj aranĝoj okazos, inter ili: vizito al la Labora Universitato, ekskurso al la fama Covadonga, folklora festo kaj vizito al Oviedo, kie okazos la fermo de la kongreso.

**JUGOSLAVIO KAJ ĜIAJ POPOLOJ.** - Eldona Sekcio de Slovenia Esperanto-Ligo, Ljubljana, 1953. 312 paĝoj 17 x 24 cm., abunde ilustritaj, plus 8 bildoj kaj 1 landkarto plurkoloraj. Prezo: 600 dinaroj aŭ egalvaloro.

Jen antaŭ ni eminenta libro, libro kun pluraj prestiĝoj. Ĉar ĝi prestiĝas esperanton, Jugoslavion, jugoslavan samideanaron, Slovenian Esperanto-Ligon... Kaj krome ĝi imponas pro sia aspekto: belo kaj fortiko de la bindo, riĉo kaj trafo de la ilustroj, neto kaj puro de la komposto... Temas ja pri grava, serioza evento en nia movado.

La verko nin informas -aferece, rigore-, ke la ŝtaton (Jugoslavion) konsistigas kvin nacioj (serba, kroata, slovena, makedona kaj montonigra), federitaj je ses popolaj respublikoj (Slovenio, Kroatio, Serbio, Bosnio - Hercegovinio, Montonigrio kaj Makedonio), al kiuj aldoniĝas unu aŭtonoma provinco (Vojvodino) kaj unu aŭtonoma teritorio (Kosovo-Metoĥio), ĉe kiuj krome vivas multaj naciaj minoritatoj, rezulto de miljara migrado de pluraj popoloj sur tiu parto de Sudeŭropo, nome: ŝiptaroj (albanoj), hungaroj, vlaĥoj, turkoj, slovakoj, italoj, ciganoj, rumanoj, bulgaroj, germanoj, ĉeĥoj, ukrajnoj, rusoj, judoj... Jen ja la balkana mozaiko, preskaŭ ne komprenebla por okcidentuloj.

Sed, malgraŭe, ni povas sekvi, sen konfuziĝo, tra la paĝoj de tiu elstara libro, la eksponon de la geografia skizo de tiu ŝtato; la elvolviĝon de la historio de la sudslavaj popoloj; la priskribon de la jugoslava liberiga batalo; la konsiston kaj evoluon de la ŝtata kaj socia strukturo de la federacia respubliko; la klarigon fare de fakuloj de la kultura vivo de la jugoslavaj popoloj, de la instruado, de la korpa kulturo kaj sporto, de la religio, de la naciaj minoritatoj... Mi neniam antaŭe vidis manlibron pri slava ŝtato tiom kompletan kaj lerte aranĝitan.

Pri la enhavo, ĉiu povas havi sian propran, personan opinion; sed mi estas certa, ke ĉiu serioza leganto trovos en tiu libro multon konindan kaj tre utilajn informojn. Pri la plej ampleksa parto de la verko, nome la t. n. liberiga batalo kaj la ŝtata kaj socia strukturo de la federacia respubliko, multaj legantoj ne havos simpation, dum aliaj varmŝate kaj kompreneme legos ĝin. Sed estas plene pravigebla pli ampleksa traktado de la malpli konataj kaj gravaj eventoj, eĉ se historie plipostaj en la tempo. Cetere ja, ŝatindeco aŭ neŝatindeco ne povas esti kriterio koncerne priskribon de historia kaj socia fakto. Ĝuste esperantistoj estas aŭ devas esti homoj por kiuj ĉefe gravas faktoj kaj ne aprioraj antaŭjuĝoj. Esperantujo ja estas ĉies lando; esperanto, ĉies posedaĵo. Pri mi mem, mi povas diri, ke la bildo, kiun tiu libro vidigas, faris al mi la landon kaj la popolojn de la sudslavoj tre simpatiaj kaj ĉiel ŝatindaj. Por aliaj okuloj povas okazi la malo, kio cetere ankaŭ estas bone pravigebla.

La lingvaĵo de la verko, eĉ se sub la redakto de unu persono, vidigas malegalaĵojn; sed ĝenerale ĝi estas klara, afereca, flua; Makuletoj, kiaj troa uzado de la artikolo, iom laŭ angla kutimo, ekzemple por ĉiuj ĉapitraj kaj subĉapitraj titoloj kaj ĉe multaj bildotekstoj; kiaj nekonsekvenca uzo de majuskloj-minuskloj kaj aliaj ortografiaĵoj (*B*ulgara armeo/*b*ulgaraj tropoj, *H*itlera aviadilaro/*h*itlera milito, Meto*ĥ*io/Meto*Ĥ*io, ktp); konfuziga uzo de verbotempoj (ekz. sur p. 169 kaj sekv.); trouzo de *kadro, kadra, kadreca* (ŝajne senskonscia nacilingva politikĵargona trudo); ktp, estas preterkonsidereblaj marĝenaĵoj, periferiaĵoj, kiuj nenion deprenas al la kerna fluo. Kvankam iom plata, el stila vidpunkto -kiel decas en faktoekspona verko-, la lingvaĵo ne malhavas neologismojn (*agresi, aperta, furniro, konsilio, okupatoro,* k. a., ĉiuj klarigitaj librofine), nek trafajn kunmetojn (*disorganizi* = malorganizi, *dissolvi* [ĉambron de diputitoj], *kilogramcento* =*kvintalo, kun escepto de en* [vere nekutima prepoziciaĵo, tamen klara, p. 39], *superboli* [lakton], *trilimo,* k. m. a.)

Resume: bonega libro, fierigilo de nia movado. Ĝin ĉiu konscia esperantisto devas havigi al si: pro la indo kaj plezuro de la havo kaj la ĝuo de la lego, kaj por montri al la sloveniaj samideanoj, ke Esperantujo scias danki kaj subteni ilian gravan entreprenon.

*J. Régulo Pérez.*

# HISPANA KRONIKO

*CASTRO-URDIALES.* La 12-an de Oktobro okazis renkontiĝo de samideanoj el Bilbao, Santander kaj Castro-Urdiales. Je la 10,30 alvenis al Castro ambaŭ grupoj, el Bilbao kaj Santander, kaj post interŝanĝo de salutoj okazis meso en la Kolegio «Corazón de María», kun akompano de bela harmoniuma muziko. En la fino Pastro S-ano Arana ĉe la predikejo legis esperantlingve la dediĉon al la Senmakula Koro de María, laŭ preĝo verkita de Lia Papa Moŝto Pío XII-a. Poste fariĝis la ĉikuna foto en la pordo de la Kolegio kaj oni vizitis la urbon kantante esperantajn kantojn. La entuziasmaj samideanoj el Baskolando dediĉis al la amikoj el Castro jenan kanton (traduko de popola kanto el Castro):

Bela estas Castro,
Pli la loĝantinoj.
Mi ĉi tie volus
Havi amatinon!



Oni vizitis la preĝejon «Santa María» je kies honoro en la XV-a jarcento oni baptis tiun malgrandan ŝipon «Santa María» en kiu Kristoforo Kolombo malkovris Amerikon iun 12-an de Oktobro, la sama tago de nia esperantista renkontiĝo. Laŭdire tiu ŝipo estis konstruita en Castro-Urdiales. La vizitita preĝejo estis konstruita en la XII-a jarcento kaj estas Nacia Monumento. Post vizito al la haveno kaj la strando, kie somere tiom svarmas homamasoj kiel abelujo, oni sidis por tagmanĝi en agrabla ejo tre afable kaj tute senpage disponigita al ni de la organizo «Educación y Descanso» el Santander, kion mi tre kore dankas je nomo de ĉiuj partoprenintoj. Oni manĝis kaj trinkis (ne drinkis!); oni kantis multe, en kio elstaris niaj belaj samideanaj belulinoj, kaj poste ni iris en belan kafejon, kie oni fumadis kaj dancadis ĝis la lasta momento. Ĉiuj estis ravitaj de ĉi tiu belega ekskurso, kaj ĉiuj povis konstati la veron de tiu aserto pri la beleco de Castro kaj pri la beleco de ĝiaj enloĝantinoj. Je la 20-a vespere foriris la samideanoj el Santander, kaj ni ankoraŭ restis akompanataj de la esperantistoj el Bilbao ĝis ilia foriro je la 21-a.

Samideanoj el Castro treege dankas al ĉiuj tiun ĉi agrablan kaj simpatian kunvenon. Via ĉeesto ne estis longa sed sufiĉe lasis al ni belan neforgeseblajn rememorojn. Nome de ĉiuj esperantistoj el Castro, dankojn!!!

*F. de Valois Arana, C. M. F.*

*BARCELONA.* Venontan 19-an de Decembro, okaze de la datreveno de la naskiĝtago de D-ro Zamenhof, la Esperantaj grupoj el Barcelona kaj provinco omaĝos la pioniron, S-anon Federico Pujulá y Vallés, ludante la triaktan komedion «Mistero de doloro», katalunlingva verko de A. Gual, tradukita al Esperanto de S-ro Pujulá. Ludos kelkaj membroj de la esperantaj grupoj kaj la aktorinoj S-inoj María Bonet kaj María de los Angeles Brilla.—*Carlos Puig.*

*Noto de la Redakcio.* Ni tutkore aliĝas al la omaĝo al nia kara S-ano Federico Pujulá y Vallés, senlaca batalanto por nia lingvo. Gratulon kaj longajn jarojn de vivo sana kaj feliĉa ni tre sincere deziras al li.

*SANTANDER.* Grupo Esperantista de Educación y Descanso, Santa Clara 3, Santander, fondita en pasinta Junio komencis sian esperantan agadon. La unua publika manifestado estis prelego de Pastro S-ano Félix de Valois Arana, sekvata de elementa

# LA UNUA ESPERANTO-MONUMENTO EN LA MONDO

Sudetlando estas la geografia nomo por la regionoj de Bohemio, Moravio kaj la iam al Aŭstrio aparteninta parto de Silezio. En ĝi loĝis post la dua mondmilito 3.500.000 germanoj. Nia lingvo trovis fekundan teron en ĉi tiu plej parte montara regiono. Jam tre frue fondiĝis tie vigla Esperanto-movado, unue en la tiama Aŭstra-Hungara monarkio, kiu pro sia multnacieca civitanaro estis predestinita elvoki deziron je internacia lingvo neŭtrala por la diversaj nacioj. «Marto» nomiĝis la organo, kiu distribuiĝis en la tuta monarkio kaj estis eldonita de sudetgermana samideano. Nelonge antaŭ la eksplodo de la unua mondmilito, kunvenis aro da fervoraj geesperantistoj en la nordokcidenta banloka urbo Franzensbad kaj inaŭguris tie la unuan Esperanto-monumenton en la mondo. Ĝi situis en bela parko kaj estis vizitita de multaj internaciaj gastoj de la mondfama banloko. Dum la tempo 1918-1938 la regiono apartenis al Ĉeĥoslovakio. Dum tiu tempo la sudetlanda esperantistaro havis propran organizon «Germana Esperanto-Ligo en Ĉeĥoslovakio». Malgraŭ ke la germana loĝantaro nombris kvaronon de la popolanaro de la mozaiknacia Ĉeĥoslovakio, ĝi estis traktita kiel minorito. En la Esperanto-movado ĝi konsistigis la plimulton. Rigardo en la UEA-jarlibrojn de tiu tempo montras al iom lingvokona persono, ke la duono aŭ pli de la urbnomoj estas sudetgermanaj. La lando portas sian nomon laŭ la montarĉeno de la «Sudetoj», kiu etendiĝas de la nordokcidenta Bohemio ĝis la orienta Silezio.—*Bruno Gahler.*



Inaŭguro de la Esperanto-monumento en Franzensbad, 1914.

---

kurso dum la somero. La Grupo partoprenis la esperantan koncentriĝon en Castro-Urdiales. La 4-an de Oktobro la oficiala kurso komenciĝis, partoprenata de kvardek lernantoj. Oni organizas por la 15-a de Decembro ekspozicion de poŝtkartoj kaj diversaj esperantaj temoj, kaj oni planas iri aŭtobuse al la venonta kongreso en Gijón.—*Sekr.*

*SAMA DE LANGREO.* Komenciĝis la unua kurso de Esperanto en ĉi tiu urbo, tiel fama pro sia riĉa mina industrio. La Delegito de HEF S-ano Sacramento Collado Llana laboris senlace ĝis atingo de la efektivigo de sia entuziasma deziro. La apuda bildo prezentas la gepartoprenantojn en ĉi tiu kurso kiam ĝi komenciĝis, la 15-an de pasinta Septembro. Gvidas la kurson la entuziasma sekretario de la Grupo «La Verda Kolombejo» el Ciaño-Santa Ana, S-ano Adonis González Meana, proponita de nia XV-a kongreso, en Zaragoza, kiel kandidato por la vicsekretarieco de nia Federacio en la nun okazanta baloto. Helpas la kurs-gvidanton S-anoj S. Collado kaj Lino Camblor.—*S. Collado.*



# DIVERSAĴOJ

*Ĉiu membro de nia Federacio aŭ abonanto de nia bulteno, sendinta solvon de enigmo, gajnos unu poenton. Gajnintoj de 10 poentoj ricevos libropremion. Ni akceptos solvojn ĝis la 1-a de Januaro.*

Ni ricevis korektajn solvojn de la enigmoj n.° 10 kaj 11 el jenaj samideanoj A. Madriles, M. Fernández Méndez, J. Silva, A. Pérez Saura, O. Corróns, E. Miralles kaj S. Roca; de la n.° 10 el samideanoj P. Naranjo, J. M. Fontcuberta, S. Arizmendi, J. Solá kaj Blasimme, kaj de la n.° 11 el samideano V. Monsalve.

SOLVO DE LA ENIGMO N.° 10

Por la 3-a kaj 5-a ciferoj de la kvociento estas prenitaj po du ciferoj de la dividato, kio montras ke la 2-a kaj 4-a ciferoj de la kvociento estas nuloj. Ni do en la kvociento havas X 0 8 0 X. Ok multiplikata per la dividanto produtigas duciferan nombron; tamen la unua kaj la kvina ciferoj de la kvociento produtigas triciferajn nombrojn kaj ne estigas reston. Tio signifas, ke ambaŭ estas egalaj kaj pli grandaj ol 8, do 9. Ni jam havas la tutan kvocienton: 90809.

La plej malgranda nombro, kiu multiplikata per 8 produtigas pli ol 100 (plej malgranda nombro tricifera) estas 13; do la dividanto estas malpli ol 13; la plej granda nombro, kiu multiplikata per 9 produtigas malpli ol 100 estas 11; do la dividanto estas pli ol 11. Kaj se ĝi estas malpli ol 13 kaj pli ol 11, evidente la dividanto estas 12.

Multiplikante la kvocienton per la dividanto, ni havas la dividaton. Jen la tuta operacio:

```
1 0 8 9 7 0 8    | 1 2
1 0 8            |__________
-----              9 0 8 0 9
    9 7
    9 6
    ---
      1 0 8
      1 0 8
      -----
```

SOLVO DE LA ENIGMO N.° 11

```
P S A L T E R O
A D A P T I S
I Z O L A S
V I R T O
K A V O
V E I
C I
E
```

Via ripozo devas esti alia aktiveco.

ENIGMO N.° 14

Krucvorta enigmo, de Juan Devís.

Sama figuro aperinta en la antaŭa numero.

*Horizontale:* 1 Havas inklinon por iu, sen parolkapablo. 2 (rad) Artefarita hararo, (rad) plej alta vira voĉo. 3 Kolekto da instrumentoj, komenco de movo. 4 (inv) Granda ŝtono, (rad) difini la valoron de io. 5 (inv) Laboro, rilata al membro de grupo. 6 Sufikso, prepozicio, pronomo, sufikso. 7 (rad) Ceremonio kaj plezuro por soleni iun okazaĵon, subtera ĉambro. 8 Nedifinita pronomo, infuzaĵo, (rad) estro. 9 Pronomo, organo de la aerspirado, negativa adverbo. 10 Osta elstaraĵo ĉe piedartiko. 11 Iomete direkti sian vidon al io.

*Vertikale:* 1 (rad) Celerio, eluzita peco da vesto. 2 Mustelo, embarasi. 3 Brando eltirita el rizo, resenda pronomo, persona pronomo. 4 (rad) Anstataŭaĵo, (rad) kvitigi sin de ŝuldo. 5 (rad) Kalka ruĝeta produktaĵo de polipo, el maldika retosimila teksaĵo. 6 (rad) Malgranda plado. 7 (rad) Infekta malsano karakterizata per fortegaj konvulsioj, (inv) konstruo. 8 (rad) Scienco pri movo kaj pri forto, (inv) angla biero. 9 Sensimila, adverbo, participa sufikso. 10 (rad) Homa trunko, (rad) ledlabora kudrilego. 11 Mezurunuo por kampoj, militakiraĵo.

---

# RADIO ROMA

Casella postale 320 ✿ ROMA (Italia)

Dissendoj en Esperanto — Decembro 1954

1-an—Informoj el Italujo.
3-an—Italaj belartaj urboj: MANTOVA.
8-an—Strato Margutta — centro de la artista vivo en Romo.
10-an—Leterkesto kaj bibliografio.
15-an—L. L. Zamenhof — la poeto de la tutmonda frateco.
17-an—Universalaj geniuloj: Michelangelo
22-an—Kristnaskaj kantoj.
24-an—La kristnaska nokto.
29-an—La mirindaj grotoj de Castellana.
31-an—La lasta tago de la jaro.

**La dissendoj okazas de h. 18,50 ĝis h. 19,10 Stacioj: metroj 31,33 = Mc/s. 9,52 kaj metroj 49,92 = Mc/s. 6,01.**

## LERNU TRADUKANTE

*Inter la sendintoj de korektaj tradukoj ni distribuos premiojn, laŭ samaj kondiĉoj kiel por la enigmoj.*

Jenaj gesamideanoj sendis korektajn tradukojn de la tasko de Oktobro: E. Miralles, M. Fernández Méndez, A. Escamilla, A. Criach, J. Anguita, A. Pérez Saura, E. Pons, P. Criach, A. Madriles, J. Molina, S. Roca, J. Fernández Alvarez, R. Albero, S. Arizmendi, M. Buscató, O. Corróns, V. Monsalve, R. Canet, E. E. Yelland kaj F. Lledó.

*Ni publikigas la plej korektan tradukon, niaopinie, kaj petas bonvolu kompari kun viaj taskoj:*

Estas io tre kurioza kaj tre inda esti studata de psikologo aŭ de historiisto, la movo suprenira kaj malsuprenira de la familioj. Mi kredas, ke en kelkaj Baskaj urboj, kiel Bilbao kaj San Sebastián, estas kie pli bone oni povas studi en Hispanujo ĉi tiun movon. Unue ĉar ĉi tiuj urboj, kiel lokoj de kelka graveco, estas tre junaj; poste ĉar ili havas ĉiujn sociajn tavolojn en medio relative malgranda, de la kampara ĝis la aristokrata kaj palaca. En la regionoj, kie ekzistis urboj pli grandaj kaj pli malnovaj, la aristokrataro estas jam statika, estas fosiliigita kaj ne havas rektajn rilatojn kun la aktuala kortego. En San Sebastián kaj en Bilbao, ne. La movo suprenira estas rapida, aktuala kaj en tri, kaj foje en du generacioj, oni vidas familion pasi el la kamparo al la aristokrateco. Estas kurioze observi kiel, subite, familio sentas malkvieton, febron al supreniro, al kresko, kaj kiel ĉiuj ĝiaj membroj marŝas en streĉita kolono grimpi altan socian pozicion.

*Kiel novan taskon, ni prezentas pecon de la romano de Lamartine «Graziella»:*

A los dieciocho años, mi familia me encomendó al cuidado de una pariente que iba a Toscana a arreglar ciertos asuntos en compañía de su marido. Presentábase una bella ocasión para hacerme emprender un viaje, arrancándome de este modo a esa ociosidad perniciosa de la casa paterna y de las ciudades de provincia, donde las primeras pasiones del alma se corrompen a menudo por falta de actividad. Partí con el entusiasmo de un niño que ve alzar ante sí el telón de los más espléndidos espectáculos de la naturaleza y de la vida.

## LINGVA KONSULTEJÒ

Nia amiko E. E. Y., Aspremont, tre afable skribis al ni pri jena frazo aperinta en ĉi tiu rubriko de pasinta Oktobro: *Hieraŭ mi iris ĉe mian bopatron.* Li diras, ke tiu uzo de akuzativo post *ĉe* ne estas rekomendinda, malgraŭ la ekzemploj en Plena Vortaro, kaj li citas tekstojn de «The British Esperantist» kaj de «La Praktiko», kiuj pravigas lian opinion.

Ni respondu al nia kara amiko:

Estas vere, ke la vorto *ĉe* signifas nur staton kaj ne movon, sed pro tio mem oni povas uzi la akuzativon post ĝi, ĉar se ĝi montrus movon, la uzo de la akuzativo estus superflua. Krome, se *apud, en* kaj *trans* akceptas la akuzativon, (ankaŭ ili signifas staton kaj ne movon) kaj se unu el la sencoj de *ĉe* estas *en la domo de,* ni ne komprenas kial oni devas malrekomendi la uzon de la akuzativo en tiu kazo. Cetere la Plena Vortaro estas la plej kompetenta vortaro, kiun ni nuntempe havas kaj ni tute fidas ĝin en la ĉerpo de la ekzemploj kaj en la vortuzo. Amikan saluton.

---

● Diversaĝaj gelernantoj deziras koresp. kun la tuta mondo. Skribu al Esperanto-Grupo, Apart. 257, Santander, Hispanujo.

● Ni deziras aĉeti la librojn: «Quo Vadis?», de Sienkiewicz (trad. Lidja Zamenhof), 2 volumoj, kaj «Vocabulario Esperanto-Español y Español-Esperanto», de Vicente Inglada Ors. Ni pagos laŭdezire. Libroservo de Hispana Esperanto-Federacio, Pelayo 7, Valencia.

---